# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

13-a jaro (Numero 3) 1934
Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj)

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelsche laan 30. Winschoten ((Nederlando)
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME. 21. Glenalmond Rd Sheffield (Anglujo)
Sekretario de TAGE: W. H. MOOK. Nassauplein 15a Groningen (Nederlando)
2-a Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gr). (Nederlando)

## *La viena konferenco*

*— Impresoj de G. W. Roome —*

La unuan impreson faris la grandega energio, aktiveco kaj sindoneco de la sekretarioj, sinjoroj Steiner kaj Kreuz. La laboro kiun ili faris, la preparado kaj organizado de aferaj, formalaj, kaj socialaj kunvenoj, la subteno kaj kunlaboro de la aŭstria ŝtatestraro kaj edukaj aŭtoritatoj, kaj la kunaltiro de esperantaj kaj ne esperantaj reprezentantoj de tiom da nacioj kaj tiom da asocioj, precipe dum periodo de ekonomia kaj aliaj malfacilaĵoj, ĉiuj el tiuj estis triumfo de inteligenta, forta laboro.

Eble la ĉefa valoro de la konferenco mem estas ĝia evidenta praktika pruvo de la taŭgeco kaj utileco de Esperanto kiel interkomunikilo inter diversaj nacioj kaj lingvoj, al multaj personoj kiuj ordinare neniam ĉeestus simplan esperantan kongreson. Ĉe Stockholm, ekzemple, la superega plejmulto estos nature Esperantistoj. Nur malmulte da neesperantistoj vidos ĝian veran, gravan efikecon ĉe ĉiutagaj aferoj kaj priparoladoj. Sed ĉe Vieno, tiaj personoj akceptis demonstracion, kaj evidente, el iliaj rimarkoj, sukcesplenan demonstracion, de la efektiveco de la helplingvo. Dudek kvin nacioj, enhavante multajn el la plimalvastaj eŭropaj popoloj, akceptis — ĉar ili devis akcepti — pruvon definitivan, ke Esperanto faras ĉion, kion oni pretendas pri ĝi, kaj faras ĝin bone kaj sufiĉe.

La akceptoj ĉe la kanceliero, la prezidanto, la ministro de instruo, kaj la urbaj aŭtoritatoj, ĉiuj montras evidentan antaŭeniron en la rekono de nia lingvo ĉe ŝtatestroj.

Malgraŭ necesaj limigoj de tempo kaj materio, la radia elsendado de la reprezentantoj de deksep nacioj, de Finnlando ĝis Peruo, dank' al Esperanto, estas alia triumfo.

Kunvenado, ne nur en formalaj kunsidoj, sed ankaŭ en babilaj

grupoj ĉe la manĝotablo, kaj ĉe socialaj okazoj, ebligis al la diversaj nacianoj, ke ili realigu, ke post ĉio ni estas unu homaro, kaj tiuj alilanduloj ne estas tiom malbona aŭ eĉ tiom stranga aro, post kiam oni ekkonas ilin. Tio estas certa gajno pro unueco kaj helpo en direkto al paco.

Tial, malgraŭ malhelpoj kaj malfacilaĵoj, duboj kaj suspektoj, tiu viena konferenco ne nur kunvenis sed energie kunlaboris, praktike, utile, kaj kiel eble plej decide, sukcesplene.

Precize tion, kion oni pripensis, diskutis, decidis, ni nur lernos el la plena protokolo, kiu espereble ne tro longe prokrastiĝos. Se la intencoj de la organizintoj plenumiĝos, tiu devos atingi kelkajn tre gravajn lokojn, ĝis nun ne atingeblajn de Esperanta propagando.

---

# Internacia Esperanto-Konferenco en Vieno

*En »Ligilo«, monata esperanta revuo por Ĉeĥoslovakujo troviĝas ĉi tiu raporto pri la konferenco en Vieno.*
*Ĝi estas verkita de Th. Kilian, oficiala reprezentanto de Radiojournal en Brno ĉe la Int. E.-Konferenco.*

Ĉu priskribi la interkonatiĝan vesperon? Ne! Kiu ĝin travivis, ridetus pri mia palkolora bildo, la alia ne kredus. Rido, esperanta babilado, serĉado de konatoj kaj konataj-nekonataj interkorespondantoj, la unuaj ĝermoj de dumkongresa amindumado, sed super ĉio ŝvebas gajeco, feliĉeco kaj esperanta babilado. Mirinde, eĉ la ridado sonas esperante. Jes, oni estas feliĉaj, vidi tiom da esperantistoj, kaj kio estas la ĉefa, oni estas devigata paroli esperante, ĉar alie oni ne komprenigus sin. Ĉu oni povas kun moŝta sinjorino el Hispanujo aŭ Svedujo paroli — ĉeĥe? Mirinde, kiel flugas, saltas, kantas nia lingvo en diversnacia amika societo! Kia kontrasto, kiam oni pensas je niaj klubaj kunvenoj. Jes, la neceseco igas ne nur ludi violonon, sed ankaŭ — paroli esperante.

Subite silentiĝas la babilado kaj ridado: sro r. k. Hugo Steiner, la animo de la konferenco, bonvenigas la gastojn.

Je la 9-a de la sekvinta tago solena malfermo de la konferenco: parolis lia moŝto la sinjoro ministro por komerco Fritz Stockinger — parte esperante — parolis sro r. k. H. Steiner, kaj nun sekvis la senfina vico da salutoj de la oficialaj reprezentantoj: diplomatoj, 6 radiostacioj, 12 komercaj ĉambroj, 20 industriaj kaj komercaj organizaĵoj, 6 foiroj, 2 policaj organizaĵoj, 25 banlokoj, 20 turistaj organizaĵoj, 15 universitatoj kaj altaj lernejoj. El kiom da ŝtatoj? El 22: Aŭstrio, Brazilio, Britujo, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Hungarujo, Italujo, Jugoslavujo, Katalanujo, Latvio, Litovujo,

Meksiko, Palestino, Portugalujo, Polujo, Saarteritorio, Svisujo, Turkujo, Usono.

Neeble estis finparoligi la longegan serpenton da parolontoj. Por gajni tempon por la laŭprogramaj referontoj oni metis parton da ili sur la programon de la sekvonta tago. Sekvis la belege parolita festprologo de s-ro V. A. Psenner, la interesa referato de s-ro kortega kons. d-ro Fr. Wollmann pri »Esperanto kaj lernejo«, referato de prof. de la teknika altlernejo, kort. kons. ing. E. F. Petritsch pri »Esperanto, scienco kaj tekniko.« Kaj fine nia fama d-ro inĝ. E. Wüster »Saluto en la nomo de la Centra Asocio de industrio en Aŭstrio.«

Ĉu mi donu mallongan enhavon de la paroladoj? Neebla afero ĉe scienca referato, en kiu ĉiu frazo, ĉiu vorto havas sian gravecon kiel briko en konstruaĵo.

Posttagmeze ekskurso per aŭtobuso al Grinzing.

Fine en la lito — unu tago de la konferenco estas for. Ĉu vere, ke nur unu tago? Ŝajnas, ke ni alvenis antaŭ semajno — per tiom da impresoj estas plenigitaj tiuj ĉi 24 horoj.

Matene. . . 9a horo. La salono estas plenplena. Sur la programo estas: »La facila Esperanto«. Ĝi ne estas parolado, sed provleciono kaj fervora samideano klopodas por pruvi, ke ne necesas studi esperanton por kompreni ĝin. Kaj fakte ni ĉiuj ĉion komprenis. Tamen ŝajnas, ke pli pravas la ŝercema direktoro de U. E. A. s-ro Kreuz, se li asertas, ke esperanto havas unu grandan malavantaĝon: oni devas ankaŭ *lerni* ĝin. Kaj mi dezirus aldoni, diligente lerni, kvankam ne tiel longe, kiel lingvon nacian. Pola samideano tre interese parolis pri »Esperanto kiel unua fremda lingvo«. Je la fino ni havis eblecon admiri la lertecon de nia simpatia direktoro s-ro Kreuz, kiu majstras nian lingvon, kiel indiĝeno de Esperantujo, eĉ pli bone. Li priparolis la temon: Esperanto kiel koda kaj koresponda lingvo. Sekvis tagmanĝo kaj ekskurso al la fama preĝejo de Klosterneuburg. La sekvinta tago — 22a de majo — estis vera laborkonferenco. Vigla, tre instrua debato, debato de la plej diversaj nacianoj pri la temo »Esperanto en la lernejoj« montranta kaj fiksanta la spertojn de nia »diligenta kolegaro«, spertojn bazitajn sur multjara praktika instruado. La vigleco kaj viveco de la debato klare montris, kiel arda estas la deziro, storme preni la fortikaĵon: la lernejon. Ĝi montris, ke tiu celo estas atingebla. Ni rigardu bone la breĉojn kondukantajn en la fortikaĵon. — Ŝtate ekzamenitaj esperanto-instruistoj estas niaj stormsoldatoj, la leĝo, permesante instrui esperanton, kiel ne devigan fakon, nia armilo.

La debato devis esti interrompata, ĉar venis tempo por aŭdienco ĉe la moŝto de la federacia prezidanto de Aŭstrio, s-ro Wilhelm Miklas, kiu invitis ĉiujn oficialajn reprezentantojn el eksterlando.

Posttagmeze ili estis en Schönbrunn, Internacia Esperanto-Muzeo. Ili? Jes, ĉar *mi* devis skribi ĉi tiun raporton.

La du unuajn tagojn ni plej bone karakterizos, se ni diros, ke ili

staris en la signo de oficialeco, pompo kaj festparoladoj. Ĉeestis ministro, reprezentanto de la urbestro, kortegaj konsilantoj — kiu povas krajone kapti ĉiujn eminentulojn? Ni tute ne taksu tro malalte tiun ĉi pompon kaj lukson, kiun kronis aŭdienco, en kiu estis la diversaj reprezentantoj el 22 ŝtatoj akceptitaj de la federacia prezidanto, kaj la afabla invito al teo flanke de la ministro por instruado Schuschnigg, kiun ĉeestis ankaŭ la federacia kanceliero Dollfuss kaj la ministro por komerco kaj favoranto de esperanto sro Stockinger.

Por nia kultura kaj tutmonda movado multaj gvidantaj kaj decidantaj rondoj ne havas eĉ tiom da intereso, kiel por la komunumoj de kolektantoj de poŝtmarkoj aŭ flegantoj de kaktoj. Estu permesite ripeti la vortojn, kiujn mi diris en la merkreda debato: Ni klopodu per ĉiuj rimedoj interesiĝi la eminentulojn ĉu politikajn ĉu sciencajn aŭ ekonomiajn, ni montru kaj pruvu al ili, ke esperanto estas uzebla kaj utila, ke esperanto estas *necesa* kaj se ni sukcesos, la mondo estos nia. Kun ĝojo ni povas konstati, ke la Viena konferenco estis tiurilate modela, ĉar ĝuste tiun ĉi celon ĝi atingis en konsiderinda grado. Gia prepara komitato, sed precipe ĝia ĉefaranĝanto sro reg. kons. H. Steiner meritas la plej sinceran dankon kaj gratulon.

Tiu ĉi brila komenco estas unu flanko de la medalo. La alia flanko, multe pli modesta, sed ne malpli grava, portas grandlitere la surskribon: LABORO. Jes, la sekvantaj tri semajntagoj, la 22a—24a de majo klare montris la paciencan kaj persistan laboron de nia »diligenta kolegaro.« La raportojn kaj la viglajn debatojn sekvantajn ĉiun unuopan raporton oni povas kunigi sub la titolon: Esperanto en la lernejo kaj praktiko. En la praktiko: montris, en kiuj fakoj esperanto estas uzata aŭ uzota, nome inter instruistoj kaj komercistoj, inter policanoj kaj fervojistoj, en radio kaj scienco, en turismo kaj patentaj aferoj, en . . . ĉie. Neeble estas doni eĉ koncizan resumon de la raportoj kaj debatoj. Ili pleniĝos tutan libron, kiu estas eldonota kaj utiligota por interesiĝi kaj konvinki la oficialajn rondojn pri la utilo de esperanto. Estu permesite mencii nur la raportojn de reprezentantoj el ĈSR, nome la interesan kaj atente aŭskultitan ĉeĥe parolitan raporton de la ministeria konsilisto sro Jan Hondl, kiu oficiale reprezentis nian fervojan ministerion. (Esperanten tradukis Th. Kilian.) Lia raporto prave rikoltis bruan aplaŭdon. Pro liaj varmaj aprobaj vortoj kaj speciale pro lia afabla promeso subteni en la ministerio niajn klopodojn, ni esperantistoj ŝuldas al li sinceran dankon. Gravan, la necesecon de esperanto per faktoj pruvantan raporton legis nia konata prof. inĝ. Scholze, Libereo-Reichenberg, kiu prezidis la konferencon dum la labortagoj. Li ĉerpis el siaj multjaraj riĉaj spertoj kiel profesoro instruanta esperanton en sia lernejo. Fine parolis la oficiala reprezentanto de Radiojournal en Brno pri la faritaj spertoj kun esperanto, pri la atingitaj rezultoj kaj sekvataj celoj. La atento, kun kiu la raporto estis aŭskultata kaj la longdaŭra aplaŭdo, kiu ĝin sekvis, estas konvinkita pruvo pri la simpatio, kiu ĝuas nia stacio en eksterlando. Gi

estas la plej ĝojiga rezulto de la peresperanta propaganda laboro de RJ. Brno. Kun ĝojo mi akcentas, ke pruvojn de sincera simpatio donis ĉe la konferenco ne nur la popoloj ligitaj kun nia popolo per amikaj sentoj, sed ankaŭ tiuj, kun kiuj nin ligas nur korektaj rilatoj. Tiu ĉi cirkonstanco estas grava kaj konsiderinda.

La 13-an de majo vespere parolis 16 reprezentantoj de siaj nacioj en la Viena radiostacio. Ĉiu diris du - tri frazojn unue en sia nacia lingvo kaj poste en esperanto. Ĉiuj frazoj kune estis konciza raporto pri la impresoj de la konferencanoj. Je la fino sro reg. kons. H. Steiner legis la germanan tradukon de la tuta parolado. Tiu ĉi laŭdinda aranĝo certe bone impresis la aŭskultantojn frape pruvante la praktikecon kaj la disvastigon de esperanto.

Finiĝis la festotagoj, kiu montris riĉan rikolton de l' laboro farita kaj komenciĝis tagoj de l' laboro farota. Nova espero plenigis la koron de ĉiu konferencano, kuraĝiga estas la firma konvinko: Esperanto atingos sian celon, ĉar la homaro bezonas ĝin. Mian raporton mi finas per la vortoj de blinda samideano reprezentanta la blindularon: »Se esperanto ankoraŭ ne ekzistus, ni blinduloj devus eltrovi ĝin.«

---

# *La literatur-instruado en la sveda gimnazio*

Jam en la mezlernejo oni kompreneble serĉas konatigi la lernantaron kun la plej popularaj el la klasikaj verkoj de nia literaturo, kaj en la lasta klaso antaŭ la fina ekzameno oni ankaŭ donas spacon al modesta kurso pri la historio de nia poezio. Sed la efektiva studado de la literaturo apartenas al la gimnazio.

La sveda gimnazio havas du liniojn, unu trijara, kion oni povas komenci post la mezlerneja ekzameno, kaj unu kvarjara, kies unuan »ringon« oni povas aniĝi fininte la antaŭlastan klason de la mezlernejo. En la unua ringo de la kvarjara gimnazio oni nur disponas je du lecionoj semajne por la sveda lingvo, kaj tial oni nur povas trovi tempon al tre senpretenda literatura kurso: kelkaj partoj (tradukitaj) de la Homeraj verkoj, kelkaj islandaj gentofabeloj kaj kelkaj ekzemploj de moderna sveda literaturo ne jam legita en la mezlernejo. La sistema studado de nia literaturo do precipe estas la tasko de la tri lastaj gimnaziaj ringoj.

Dum tiu studado la instruisto havas grandan liberecon kaj koncerne la elekton de la studindaj svedaj aŭ eksterlandaj verkoj kaj koncerne la metodon. Plej ofte oni tamen partigas la literaturon tiamaniere, ke la unua jaro (kvar lecionoj semajne) estas dediĉata al la epokoj de la runenskriboj ĝis la komenco (aŭ la mezo) de la dekoka jarcento, la dua (kvin lecionoj) al la tempo 1730—1830 (aŭ 1865) kaj la lasta

(kvar lecionoj) al la literatura evoluo ĝis nia propra tempo. Pro la granda antaŭekzamena laboro oni volonte finas la studadon jam ĉirkaŭ la kristnaska libertempo de la lasta laborjaro, eĉ se oni nur atingis la jaron 1900: tiamaniere la plej moderna literaturo regule iĝas nemenciita en la lernejo, kio ja neniel povas utili al la spirita aŭ gusta evoluo de la disĉiploj. Sed ne nur manko de intereso kaj kapableco, ankaŭ manko de tempo kaj terura interpremado de la diversaj partoj de la fako kaŭzas tion.

Koncerne la metodon oni trovas en la sveda gimnazio preskaŭ ĉiujn pedagogiajn perceptojn kaj principojn. Ekzistas ankoraŭ instruistoj, kiuj nur studas la historion de la literaturo, pridemandante lernotaskon kaj poste malfervore legante specimenojn de la literaturo ĵus priparolita. Nomoj kaj jaroj estas la plej grava por tiuj viroj. Aliaj almenaŭ legas la literaturon unue, sed poste ili mem prelegas pri la verkisto, kaj la disĉiploj nur devas aŭskulti, se eble kompreni kaj precipe memori. Sed oni esperas, ke tia instruado baldaŭ estos nur malgaja memoro, ĉar inter la junaj instruistoj oni ofte renkontas grandan intereson por la pli modernaj metodoj, la memaktiveco de la lernantoj kaj la principo, ke la literaturo estu la plej grava, la historio de la literaturo nur apogilo.

Literatura studado laŭ tiuj principoj povas aspekti tiel: Ĉion, kion la disĉiploj ne povas elserĉi mem, ili devas lerni el la prelego de la instruisto aŭ la enhavo de bona lernolibro. Tio estas ekz. la diversaj teorioj pri la deveno de la runoj, la vivo de la aŭtoroj, la grandaj literaturaj aŭ spiritaj movadoj en la eksterlando k. t. p., alivorte tion, kion sveda pedagogo nomas la ŝtonoj, per kiuj ili konstruos siajn sciojn. Antaŭ la studado de la sveda literaturo de la dekoka jarcento oni ekz. per instruista prelego pritraktas la francan klasikismon, la vivperceptojn de Locke, Voltaire, Montesquieu, Rousseau k. t. p. kaj poste oni provas instrui, ke la disĉiploj mem analizu la poemojn kaj trovu ideojn de tiuj verkistoj aŭ formaj karakterizoj konformaj je la principoj de la franca gusto. Antaŭ la studado de la romantika poezio oni sammaniere dediĉas kelkajn semajnojn al la ideoj de Plato, Kant, Fichte kaj Schelling kaj antaŭ la studado de Strindberg oni devas konatigi la lernantaron kun la radikala idemondo de Darwin kaj Buckle, Schopenhauer kaj Nietzsche.

Dum la diskutado de la literaturaj verkoj oni kiel eble plej ofte revenas al la samaj vidpunktoj, kio ja treege faciligas la laboron de la junularo. Konkreta aŭ abstrakta naturpriskribo, tipa aŭ individua desegnado de la homaj karakteroj, diversaj flankoj de la vivpercepto de la priparolata epoko estas tiuj problemoj, kiujn oni ofte povas diskuti kaj kun kiuj la disĉiploj baldaŭ bone konatiĝos.

Kompreneble la instruisto kiel eble plej baldaŭ devas esti precipe demandanto kaj instiganto, kiu nur donas la solvon de la problemoj, kiam neniu en la tuta klaso povas trovi ĝin. Por faciligi la diskutadon iam okazas, ke la disĉiploj ricevas tutan planon por literatura analizo,

kiu enhavas ĉiujn plej oftajn vidpunktojn pri natur- kaj hompriskribo, versformo, stilo, vivpercepto k. t. p., plano, kiu povas esti simile utila dum la lerneja tempo kiel dum la propravola literatura studado de la plej interesataj.

En kelkaj lernejoj oni ankoraŭ pli konsekvence aspiras la memaktivecon de la disĉiploj. Dum kelkaj lecionoj la disĉiploj devas plenumi sian laboron tute memstare kaj la instruisto nur ĉeestas por respondi al iliaj demandoj. El tia labormaniero povas evolui la tiel nomita grup-laboro, kiam la klaso estas dividata en kalkajn grupojn kun po kvin aŭ ses anoj, kiuj en diferencaj lokoj pritraktas diferencajn poemojn aŭ aŭtorojn kaj poste raportas antaŭ la tuta klaso pri siaj rezultoj. Tiu metodo estas tre malfacila, ĉar ĝi ankoraŭ ne estas enkondukita en la mezlernejon kaj tial ofte la disĉiploj aniĝas la gimnazion tute sen povo de memstara laboro.

Flanke de tiuj metodoj, kiuj ĉiuj estas aplikeblaj al la laboro dum la lecionoj, oni ankaŭ povas priparoli la t. n. privatan laboron, kiun ĉiu disĉiplo en la du lastaj ringoj devas plenumi en iu lerneja fako ekster la lernejo dum sia libertempo. Li tiam ricevas literaturon kaj diversajn konsilojn de la instruisto, kiun li ankaŭ poste povas konsulti dum la laboro kaj al kiu li devas raporti pri la rezulto. Ankaŭ tiu metodo estas tre nova kaj ne jam perfektigata.

Tiamaniere aspektas la literatura studado en moderna sveda gimnazio. Post la evoluo de la labormetodoj oni ankaŭ devis aliigi la abiturientan ekzamenon kaj la kontrolantoj nun pli konsideras la scipovon de la literaturo ol la kapablecon memori nomojn kaj jarojn. Sed ankoraŭ daŭros longan tempon ĝis kiam la literatura studado de la sveda gimnazio estos tute reformita kaj la »malnova panfermentilo« tute forigita.

*Bj. Bleckman.*

---

# Lernejoj en Sovet-Unio

Ĉapitro el: *La granda ofensivo* (The great offensive) de Maurice Hindus. London — Victor Gollavez ltd. 1933.

La iama rusa gimnazio posedis brilon kaj dignecon — kio kaŭzis, ke ĉiel ĝi estis respektata. Mi memoras, kiel ĝi estis en la urbo, kie mi estis lernejano. Ĝi estis unu el la tre malmultaj belegaj konstruaĵoj, havis tri etaĝojn; la multaj fenestroj estis larĝaj kaj freŝe pentritaj kaj interne kaj ekstere ĉio estis pura.

La klasejojn kaj la aliajn ĉambrojn ornamis portretoj de la geimperiestroj (orumitaj kadroj) kaj bildoj de verkistoj kaj scienculoj, rusaj aŭ eksterlandaj kaj fotoj de famaj pentraĵoj, same en konvenaj kadroj.

La saman dignecon kiel la konstruaĵo montris la instruistoj laŭ konduto kaj aspekto. Neniel ili estis malzorgemaj. Ili aspektis kaj kondutis kiel gravaj personoj, kaj vere, gravaj personoj ili estis, konversaciis

kun aliaj personoj en la urbo kaj ĉiu, kiu ajn, estis respektplena kontraŭ ili.

Same kiel oficiroj kaj oficistoj ili sin vestis en uniformoj el blua aŭ nigra drapo kun orkoloraj epoletoj kaj kun duobla butonvico, ankaŭ orkoloraj. Se ili havis barbon, ĝi estis bone flegita kaj se ili sin razis, ili faris tion regule. Ili bone prizorgis sian aspekton kaj estis kompetentaj. Ili bone sciis sian instrufakon kaj ankaŭ sciis kiel instrui. La profesoroj (instruistoj) havis bonan disciplinon kaj multe postulis de siaj lernantoj.

Kelkfoje ili kraĉis sur lernanton, sed neniam neglektis sian instruadon. Tial la iama rusa gimnazio estis alte taksata eĉ de tiuj, kiuj estis mortaj malamikoj de la registaro. Kiel instruejo neniu samspeca instituto en alia eŭropa lando ĝin superis.

La lernantoj plialtigis ĝian brilon. Ili estis el la plej riĉaj influhavaj familioj kaj ankaŭ ili estis vestataj uniforme en nigraj bluzoj kun glataj ledaj zonoj — helgrizaj vestoj kun brilaj, arĝentaj butonoj — sur la kapo ili portis militistan ĉapon. Ili estis la junaj aristokratoj — ĵaluze rigardataj de aliaj knaboj, kiuj ne povis viziti la gimnazion.

Koncize dirite: regis stilo, digneco kaj ordo en la iama rusa gimnazio.

Nuntempe multe aliiĝis. La iama gimnazio malaperis. La soveta naŭ- aŭ dekjara lernejo anstataŭas ĝin. Sed for la iama brilo. For la uniformoj. For la abisma distanco inter instruantoj kaj instruatoj.

Antaŭ nelonge mi vizitis la urbon Saratov, kun pli da universitatoj kaj similaj lernejoj ol enloĝanto de la urbo mem povas nombri ne-preparite. Mi inspektis la lernejojn. Unu, kiun oni plej alte taksis, estis en la sama konstruaĵo kiel iama gimnazio. Ĝi havis tri etaĝojn kaj ampleksis preskaŭ tutan stratflankon. La fenestroj estis larĝaj, la zinka tegmento kaj la pluvakvotuboj rustiĝis. Estis paŭzo, kiam mi eniris kaj resonis multaj bruoj — homaj kaj meĥanismaj. Knaboj kaj knabinoj kuris ĉirkaŭen en ĉiaj vestaĵoj — nenie uniformeco, escepte la pioniroj, kiuj ĉiuj havis ruĝan nuktukon. Mi petis al knabino, ke ŝi bonvolu konduki min al la estro. Ŝi gvidis min tra brua koridoro al vestiblo en korto, kaj prezentis min al proksimume tridekjara viro. »Jen li estas«, ŝi diris kaj forrapidis al siaj ludkunuloj. Neniam mi supozis, ke li estas lernejestro. Sed momenton mi forgesis ke mi estas en la Sovet-Unio. Nenio el la aspekto rememorigis al antaŭrevolucia gimnaziestro. Li estis grandstatura, palvizaĝa. Lia kapo estis razita sed ne la vangoj. Tartara vestĉapeto kovris la postan parton de la kapo. Anstataŭ ŝuoj li havis sandalojn, lia kitelo montris la fadenojn, postsignoj de faldo en la pantalono ne estis videblaj. Li aspektis pli kiel laboristo en fabrikejo ol kiel estro de unu el la plej bonaj lernejoj en unu el la plej civilizitaj urboj de la tuta lando. Li estis ĝentila, parolema kaj tre malkaŝa. Fakte li estis laboristo — seruristo. Lia profesia unuiĝo ordonis, ke li ne plu laboru en la fabrikejo, sed ke li fariĝu instruisto. Li nur finstudis en

la teknika lernejo, sed li intencis poste viziti la universitaton por plikleriĝi. Li tute ne instruis. Li konfesis, ke li ne sufiĉe scias. Ĉiuj liaj instruistoj studis en la universitato, li nur administras kaj kontrolas ĉu ĉio okazas laŭ la tiel nomita partilinio. Verdire li estis nur la okulo de la komunista partio, aŭ la politika kontrolisto.

Li montris al mi la klasejojn, — tre interesaj estis la ejoj por manlaboro — ne nur pro la bonega instalaĵo, sed ankaŭ pro la instruistoj. Tiu, kiu instruis ĉarpentadon, estis profesia ĉarpentisto, malmulte civilizita. La rusan lingvon li ne parolis laŭgramatike, sed li konstruigis belegajn libroŝrankojn, benkojn, tablojn, kaj alian meblaron. La forĝisto ankaŭ estis fabriklaboristo, sed ... altkvalita kiel forĝisto. Tiajn instruistojn oni elektis, ne ĉar oni preferas tiajn, sed ĉar oni ne jam havas sufiĉe da edukitaj personoj, kapablaj instrui tiajn fakojn.

La kontrasto laŭ ekstero inter la iama cara gimnazio kaj ĉi tiu lernejo en Saratov estis kvazaŭ simbolo de la kontrastoj inter la du mondoj, kiujn ili reprezentis.

Ĉi tiu estas nur unu el la kontrastoj, ĉie vidataj, inter la iamaj kaj la nunaj lernejoj. Estas ankoraŭ multaj, multaj aliaj diferencoj.

En 1914—1915 la elementa lernejo havis iom pli ol 7 milionojn da lernantoj kaj iom pli ol 500 000 en la mezgradaj. Escepte de la parohiaj lernejoj ĉiuj estis taŭgaj laŭ instrua vidpunkto. Speciale la »zemstvo«-lernejoj.

En la jaro 1932a 19 milionoj da lernantoj vizitis la rusan elementan lernejon kaj 4.500.000 la mezgradan. En 1914—1915 125.000 studis en la universitato kaj 267.000 en la komercaj aŭ teknikaj lernejoj. En 1920 60% de la vira loĝantaro kaj 70% de la virina povis nek legi nek skribi. En 1932 nur 9% de la tuta loĝantaro. En 1914—1915 deviga ĝenerala instruado estis revo de intelektuloj. En 1932 senpaga, ĝenerala, deviga edukado estas fakto por infanoj 8 ĝis 11-jaraj. En 1934 por 8 ĝis 12.

En la urboj kaj en la industrilokoj la edukado jam estas deviga ĝis 15 kaj post du jaroj la limo estos plialtigata ĝis 17. En la vilaĝoj oni pli malfacile atingos tiun ĉi celon, precipe pro manko de kompetentaj instruistoj.

Antaŭ la revolucio religio estis instrufako en ĉiuj lernejoj. Estis multaj lernejoj, kies plej grava fako dum la tuta kurso ĝi estis. Nun religia instruo al infanoj ne 18-jaraj estas malpermesita. La ŝtataj lernejoj estas kontraŭreligiaj.

Antaŭ la revolucio la porlaika instruado estis donata precipe en la oficiala rusa lingvo. Fremdaj lingvoj, modernaj kaj mortaj, estis pristudataj. Sed la ĉefa estis la rusa. Nur en lernejoj, kie oni instruis nur religion, la nacia lingvo estis permesata. Judoj kaj mohametanoj havis multajn tiajn lernejojn. Nuntempe ĉiu popolo en la Sovet-Unio povas akiri lernejojn, kies instrulingvo estas la propra nacia. La sovetoj eĉ kuraĝigas subigitajn naciojn havigi al si proprajn lernejojn. La instruo

mem okazas en 70 lingvoj. Kelkaj lingvoj, ekz. la burjata, (en Transbajkalio) tute ne estis skribataj, eĉ ne posedis alfabeton. Ili posedas gramatikon, vortarojn, studlibrojn, gazetojn, kaj eĉ teatrojn, kies artistoj parolas la nacian lingvon.

Antaŭ la revolucio preskaŭ ne ekzistis prepara edukado. En 1914 iu Aleksander Zelenko, kiu pasigis iom da tempo en Usono, fondis kun s-ino Ŝloger lernludejon en Moskvo. Ĝi estis la sola en la tuta urbo.

En 1932 10,000.000 infanoj estis prizorgataj en infavartejoj, ludlernejoj aŭ en similaj ejoj. *(Daŭrigota.)*

---

## 25-A KONGRESO B. E. A., Anglujo

### Esperanto en edukado

Dum la 25a Kongreso de la B. E. A. en Hastings, la 19an de majo 1934. okazis publika kunveno pri la temo, Esperanto en Edukado.

La kunveno havis la duoblan celon, propagandi Esperanton kaj informi la Kongresanojn.

Prezidis Sro N. B. Jopson, M. A., lektoro pri slavlingva filologio en King's College, Londono, kaj ano de la Konsilantaro de la Asocio pri Modernaj Lingvoj.

La prezidanto, malfermante la kunvenon esprimis veran kunsenton al la Esperanta Movado, kaj diris ke li havas fidon je ĝia estonteco en Anglujo, kaj en ĉiuj landoj. La progreso de Esperanto kvankam ne rapida, estas solida, kaj la sfero de ĝia influo ĉiam plilarĝiĝas.

Sro M. C. Butler, sekretario de B. E. A. por Edukado kaj Propagando, amplekse skizis la sukcesojn de Esperanto en diversaj sferoj, kaj detale aludis la avantaĝojn de la lingvo kiel studtemo en lernejoj.

Li nun havas statistikojn pri proksimume 30 lernejoj en Anglujo, en kiuj oni instruas la lingvon aŭ dum aŭ post lernejaj horoj.

La pasintan jaron li vizitis 35 lernejojn, kaj faris specimenajn lecionojn kaj paroladojn. Ĉiam oni bone akceptis lin, kaj aĉetis libretojn. Li daŭrigas la vizitojn en la nuna jaro, kaj jam faris kontakton kun 38 lernejoj.

La malhelpoj kontraŭ progreso estas ke Esperanto ne jam estas sufiĉe konata inter la Edukadaj Estraroj en la lando, kaj inter la Instruista Profesio mem. Ni suferas pro la manko de lernolibroj kaj legolibroj taŭgaj al lernejoj; pli da kompetentaj instruistoj ni ankaŭ bezonas.

Se Esperanto nur enmetiĝus en la temaron de la ekzamenoj kiujn la lernantoj devas provi, li konvinkiĝis ke ni farus rapidan progreson. Tio, li opinias, estas la ĉefa problemo antaŭ ni.

Sekvis interesa diskuto, kaj multaj personoj kontribuis spertojn el diversaj kampoj.

Oni atentigis la rimarkindan laboron de la Cseh Instituto, kaj la

altan valoron de T.A.G.E. kies gazeto funkcias kiel informilo, kaj ligilo inter geinstruistoj.

La Direktoro de la Edukada Fako de la Hastings Urbkonsilantara ĉeestis, kaj dankante al la prezidanto, promesis ke, se iu Vespera Lernejo en Hastings faros peton pri la instruado de Esperanto, tion li permesos.

En la Akceptejo montriĝis ekspozicio de la verkoj kaj korespondado de lernantoj en lernejoj, inter la aĝoj 11—19. Kvin diverstipaj lernejoj partoprenis, en kiuj Esperanto estas en la temaro: — tri popollernejoj, unu liceo, kaj unu lernejo por gejunuloj en fabrikejoj k. t. p.

La ekspozicio enhavis kajerojn, montrantajn progreson dum klasinstruado; kolektojn de poŝtkartoj kaj leteroj de aliaj landoj; eseojn verkitajn angle pri la korespondantoj de la lernantoj, celante la elmontradon de scioj pri diversaj nacioj; leterojn skribitajn esperante al alilanduloj; originalajn desegnaĵojn kun esperantaj klarigoj; landkartojn de Eŭropo, kaj Japanlando kun substrekitai urboj en kiuj loĝas la korespondantoj de iu lernejo.

La unuan fojon tia ekspozicio okazis, kaj ĝi vekis multan intereson, ankaŭ provizis bonan materialon por posta studado kaj propagando. *V. C. Nixon.*

## SVEDA INSTRUISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Prez.: s-ro **Thorsten Torbjär,** Mariagatan 15a, tel. 46155, **Göteborg.**
Sekr.: f-ino **Karin Hallengren,** Nytäppet, **Nya Varvet.**
Kas.: s-ro **Oskar Svantesson,** Karl Johansgatan 61, tel. 49343, **Göteborg.**
Sveda poŝtĝira konto de la federacio: 31430.

Sveda Instruista Esperanto-Federacio jarkunvenis en Södertälje la 19-an de majo 1934. Post pritrakto de la estrara kaj revizora raportoj oni senŝarĝigis la estraron. Ĉe la poste okazanta elekto de estraro oni novelektis f-inon Karin Hallengren kaj s-ron fil. d-ro Bjarne Beckman, anstataŭ f-ino Elsa Ozarowky kaj s-ro Gustav Rimberth. Kiel plenumkomitaton oni elektis Torbjär, Hallengren kaj Svantesson, ĉiuj en Göteborg.

La decidon de la estraro anigi la federacion al TAGE oni aprobis. Per tio la mebroj por la ordinara kotizo ricevas nun IPR-on, kiu estas la oficiala organo de la federacio.

Ĉe la internacia konferenco en Wien la federacio sin reprezentis per s-ro d-ro Beckman. Dum la pasinta jaro oni en diversaj lokoj en la lando instruis esperanton al infanoj, sed detala raporto pri la afero mankas. Estus tre bone, se niaj membroj konstante bonvolus nin informi pri la eventualaj kursoj, kiujn ili gvidas. *LK.*

*Post la aliĝo al TAGE*

niaj membroj nun efektive ricevas bonan rekompencon por siaj 2 kronoj sub la formo de nia oficiala organo IPR. Sed bedaŭrinde la nombro de

altan valoron de T.A.G.E. kies gazeto funkcias kiel informilo, kaj ligilo inter geinstruistoj.

La Direktoro de la Edukada Fako de la Hastings Urbkonsilantara ĉeestis, kaj dankante al la prezidanto, promesis ke, se iu Vespera Lernejo en Hastings faros peton pri la instruado de Esperanto, tion li permesos.

En la Akceptejo montriĝis ekspozicio de la verkoj kaj korespondado de lernantoj en lernejoj, inter la aĝoj 11—19. Kvin diverstipaj lernejoj partoprenis, en kiuj Esperanto estas en la temaro: — tri popollernejoj, unu liceo, kaj unu lernejo por gejunuloj en fabrikejoj k. t. p.

La ekspozicio enhavis kajerojn, montrantajn progreson dum klasinstruado; kolektojn de poŝtkartoj kaj leteroj de aliaj landoj; eseojn verkitajn angle pri la korespondantoj de la lernantoj, celante la elmontradon de scioj pri diversaj nacioj; leterojn skribitajn esperante al alilanduloj; originalajn desegnaĵojn kun esperantaj klarigoj; landkartojn de Eŭropo, kaj Japanlando kun substrekitai urboj en kiuj loĝas la korespondantoj de iu lernejo.

La unuan fojon tia ekspozicio okazis, kaj ĝi vekis multan intereson, ankaŭ provizis bonan materialon por posta studado kaj propagando. *V. C. Nixon.*

## SVEDA INSTRUISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Prez.: s-ro **Thorsten Torbjär,** Mariagatan 15a, tel. 46155, **Göteborg.**
Sekr.: f-ino **Karin Hallengren,** Nytäppet, **Nya Varvet.**
Kas.: s-ro **Oskar Svantesson,** Karl Johansgatan 61, tel. 49343, **Göteborg.**
Sveda poŝtĝira konto de la federacio: 31430.

Sveda Instruista Esperanto-Federacio jarkunvenis en Södertälje la 19-an de majo 1934. Post pritrakto de la estrara kaj revizora raportoj oni senŝarĝigis la estraron. Ĉe la poste okazanta elekto de estraro oni novelektis f-inon Karin Hallengren kaj s-ron fil. d-ro Bjarne Beckman, anstataŭ f-ino Elsa Ozarowky kaj s-ro Gustav Rimberth. Kiel plenumkomitaton oni elektis Torbjär, Hallengren kaj Svantesson, ĉiuj en Göteborg.

La decidon de la estraro anigi la federacion al TAGE oni aprobis. Per tio la mebroj por la ordinara kotizo ricevas nun IPR-on, kiu estas la oficiala organo de la federacio.

Ĉe la internacia konferenco en Wien la federacio sin reprezentis per s-ro d-ro Beckman. Dum la pasinta jaro oni en diversaj lokoj en la lando instruis esperanton al infanoj, sed detala raporto pri la afero mankas. Estus tre bone, se niaj membroj konstante bonvolus nin informi pri la eventualaj kursoj, kiujn ili gvidas. *LK.*

*Post la aliĝo al TAGE*

niaj membroj nun efektive ricevas bonan rekompencon por siaj 2 kronoj sub la formo de nia oficiala organo IPR. Sed bedaŭrinde la nombro de

membroj ne estas tiel alta, ke la nunaj kondiĉoj povas esti konservataj ankaŭ dum 1935. Tial estas necese amase varbi por la federacio. La kotizo ja estas malalta. Certe vi povas igi multajn el viaj amikoj pagi al ni 2 kr., ĉar por tiu eta sumo la paginto ricevas internacian pedagogian revuon, kies artikoloj ĉiam tuŝas lian profesion.

# KOMUNIKOJ

**Komunikaĵo de la prezidanto.**

Dum la tempo kiam mi skribas tiun ĉi, ŝajnas probable, ke neniu el la estraro de IPR aŭ de TAGE povos ĉeesti la kongreson ĉe Stockholm.

Dank' al la ekonomia krizo, al malfacilaj libertempaj datoj, al mia vizito al la Viena konferenco, k. t. p. ni estas ĉiuj elbarataj de la plezuro de renkonto kun niaj kolegoj kaj niaj multaj aliaj amikoj dum la ĉiujara kongreso. Precipe mi bedaŭras, ke neniu el niaj holandaj amikoj povos ĉeesti; ĉar mi kore deziras ke niaj anoj persone konatiĝu kun tiuj kiuj tiel sindoneme daŭrigis la laboron de la Asocio, kiam niaj saksaj kolegoj devis eksiĝi.

Kelkaj gravaj personoj insiste diras al ni, ke la plejmalbona tempo jam pasis, ke nuntempe ni antaŭeniras en plihelan, pliĝojan periodon. Ni esperu, ke ĉifoje tiuj eminentuloj parolas veron.

Mi esperas ke ni ĉiam memoros la lojalecon kaj la fidelecon de iuj el niaj anoj kaj oficistoj dum la malfacila periodo, tra kiu ni pasis. Kritiko estas ĉiam facila, ĉiam malmultkosta, sed ne ĉiam inda aŭ profita. Nuntempe estas tempo por bonvenigi revenantojn kaj novevenantojn, por memori la oferojn de la plifruaj kolegoj, por antaŭenrigardi kun espero prefere ol reenrigardi kun bedaŭro. Antaŭen, do! Eĉ la dume neĉeestantoj ne eterne perdiĝos.

Geo. W. Roome.

**Internaciaj Feriaj-Kursoj en Esperanto**
en Silkeborg, Danlando.

Kurso por progresintoj 23/7—2/8 1934. Prepara kurso por Ĉe-metodaj instruistoj 23/7—2/8 1934.

Silkeborg (12 000 loĝ.) situas en la koro de Danlando. Ĝia regiono estas la plej bela. Grandaj verdaj fag-arbaroj kaj bluaj lagoj ornamas ĝin. En tiu ĉarma urbo Dana Esp-Instituto jam plurajn jarojn kun granda sukceso aranĝis siajn internaciajn kursojn, kiujn partoprenis samideanoj el tre multaj diversaj landoj. Pro la tre malalta dana monkurzo en la nuna tempo estas la kursoj tre malmultekostaj por eksterlandanoj. Plena pensiono (loĝo kaj manĝo) por dek tagoj kaj kurskotizo estos por ĉiu kurso nur 45,-dan. Kr. (=26.— Rmk.=39 sved. Kr.=40,-norv. Kr.=15, — nederl. guld.=2 L=160, — fr. fr. ktp.)

La kursoj okazos en la oficiala dana Esp-lernejo »Kornmod«, Silkeborg. Preskaŭ ĉiuj ĉambroj estas unulitaj. La manĝaĵo estos bonega.

La kurson por progresintoj povos partopreni ĉiuj, kiuj lernis Esp-on per elementa kurso, kaj kiuj deziras pliperfektiĝi kaj akiri parolekzercon. Ĝin gvidas la eminenta Ĉe-metoda instruistino F-ino M. Saxl, Berlin, kaj s-roj P. Frey kaj L. Friis. Instrufakoj: Konversacio, literaturo, historio kaj gramatiko. — Instrulingvo: Esperanto. — Instrumetodoj: Konversacio kaj prelegoj.

La preparan kurson por Ĉe-metodaj instruistoj povos partopreni ĉiuj, kiuj deziras instrui Esp-on per Ĉe-metodo. La ĉeffakon — teorion kaj praktikon de Ĉe-metodo — gvidos F-ino M. Saxl, speciale komisiita de S-ro Andreo Cseh. Por ke la kursgvidontoj estu kiel eble plej bone informitaj en sia agado, prelegos antaŭ ili pri nia originala literaturo S-ro P. Frey, pri lingvaj studoj s-ro L. Friis, pri Esp-historio F-ino M. Noll, pri propagandmanieroj s-ro Ax. Andersen.

Belega tendejo ĉe arbaro kaj lago troviĝas tuj ekster Silkeborg por ti-

uj, kiuj deziras loĝi malmultekoste dum la kurstempo.

Al Universala Esp-Kongreso en Stockholm oni povos iri rekte el Silkeborg post la kursfino per la karavano de la dana ĉefdelegito S-ro M. Palsberg.

Ĉiuj estos bonvenaj!

Petu prospekton pri la kursoj de la sekretario de Dana Esp. Instituto S-ro L. Friis, Frodesvej 21, Aabyhőj, Danlando.

**Eldono de Pedagogia Biblioteko.**

Mi petas vian atenton por la jena plano:

Konsente kun nia presisto, S-ro Bleier en Budapest, nia laborkomitato decidis prizorgi la eldonadon de pedagogia biblioteko. La verketoj ampleksos 96 paĝojn (aŭ du volumetoj po 48 paĝoj) kaj temos pri ĉio, kio rilatas nian profesion: pedagogio, metodologio, pedologio, psikologio, k. t. p. Populare sciencaj, originale verkitaj, sed ankaŭ tradukitaj. La formato de la kajeroj estos 12×16 cm. Por TAGE-anoj estos la prezo po 0,40 nederl. guld. (proks. 0,80 sv. fr. aŭ 1 sved. kron.) por kajero, ampleksanta 96 paĝojn. Inkluzive afranko por la alsendo. Ni esperas, ke ni, per tia entrepreno, agos laŭ la plaĉo de niaj abonantoj. Nunmomente ni jam klopodas trovi spertan tradukanton, kiu prizorgos la unuan libreton per artikoloj de la nederlanda pedagogo Jan Ligthart. Vi komprenu, ke, antaŭ ĉio, la lingvo, stile kaj gramatike, estos senriproĉa!

Bv. sendi al mi viajn instigojn kaj proponojn, por ke ni povu decidi pri eventualaj pluaj numeroj. La prenotaj artikoloj devas esti interesaj por internacia kolegaro, ampleksi ne pli ol 96 paĝojn, kaj la traduko devas esti farata de kompetenta esperantisto. Provizore ni ne povas disponigi ian honorarion.

Ankoraŭ ion alian ni planis.

Multaj gekolegoj, kiuj gvidas kursojn por infanoj, daŭre plendas ke mankas sufiĉe da materialo por lege ekzerci la jam studitan lingvon. Kelkaj, eĉ bonaj libretoj ekzistas sed ili tute ne abundas. Pro tiu plendo nia laborkomitato decidis havigi al niaj anoj s e n p a g e, taŭgan materialon laŭ jena maniero:

En ĉiu numero de I. P. R. aperos unu folio, (4 paĝoj) kun interesa literaturaĵo por junaj lernantoj, tiel presita, ke oni povos elpreni la folion, konservi kaj poste broŝurigi. (formato 12×16 cm.) Tiel la abonantoj ricevos post kelka tempo malgrandan bibliotekon por la esperanta klaso.

Sed ni ne volas efektivigi tion, ne sciante vian opinion. Ĉar, laŭ tiu maniero, nia revuo, kiu ĉiufoje ampleksas 16 paĝojn, estonte povos nur disponi pri 12 paĝoj. Ni certe ne povos, almenaŭ nun ne, pligrandigi la revuon. Mi do tre petas vin, bv. sciigi al mi vian ideon pri tio, eble viajn proponojn aŭ eventualajn ŝanĝojn en nia plano.

Mi esperas ke en la venonta numero ni povas raporti pri la ricevitaj respondoj. P. K o r t e, administranto.

**Pri internacia korespondado.**

Kiel vi scias, ekzistas oficejo, kiu peradas la esperantan korespondadon inter infanoj kaj geinstruistoj diverslandaj. Antaŭ kelka tempo la adreslistoj de tiu oficejo regule aperis pere de I. P. R., sed pro teknikaj kaj financaj malfacilaĵoj, tia distribuado ĉesis. El ricevitaj leteroj ni konkludas ke oni opinias ke la oficejo ne plu laboras. Tute male. La diligenta sekretariino daŭrigas la kolekton de korespondemuloj kaj dissendas la listojn. Nia laborkomitato klopodas restarigi la iaman aranĝon kaj provos denove sendi la adresmaterialon al ĉiuj abonantoj de I. P. R.

La oficejo tamen nur povas taŭge funkcii, kiam multaj sin anoncas, tutaj klasoj, aŭ gekolegoj por privata korespondado. Ni urĝe petas vin, propagandi ĉi tiun flankon de nia movado, kaj kolekti adresojn. Bv. ĉiam aldoni:

Kompleta adreso — aĝo — speco de la lernejo, en kiu vi instruas aŭ kiun la gelernantoj vizitas — nombro de la anoncitaj knaboj kaj knabinoj — deziritaj temoj kaj interrilatoj — specialaj deziroj.

Vi scias ke I. A. L. A. subtenas la laboron de la oficejo, kiu faras ĉiun

peradon tute senpage. La adreso de la sekretariino estas:

Fraŭlino M. Moelke, Hünensteig 8 a, Berlin-Steglitz (Germanujo).

Se vi preferas ricevi la listojn pere de ni, bv. peti tion de nia administranto, enmetante en vian leteron unu respondkuponon.

La laborkomitato

**Karaj gekolegoj.**

Post longa deviga interrompo baldaŭ aperos denove, kune kun ĉiu numero de IPR, malnova amiko, kies mankon vi supoze jam ofte dolore sentis. Mi parolas pri la Korespondo-Listoj de Kunlaborado de IALA. Mia deziro, aldoni tian liston jam al ĉi tiu numero, bedaŭrinde restis nur — deziro, ĉar mi por ĉi tiu monato ne ricevis sufiĉan materialon por starigi tutan liston.

Kaj tio instigas min, aperigi ĉi tiun alvokon, memorigante vin per ĝi al tio, ke la TAGE-kunveno en Köln sendis al mi dankleteron, en kiu estas dirate i. a.: »La kunsido ankaŭ promesas al vi iliajn helpon kaj subtenon dum la venonta jaro.« Ĉi tiu promeso estis por mi la plej belaj aprobo kaj rekompenco por mia laboro. Sed kion signifas promeso, kiun oni ne efektivigas?

Pro tio mi korege petas vin, karaj gekolegoj, ke vi baldaŭ faru, kion vi ĝis nun preterlasis. Helpu al mi! Varbu denove por nia Korespondo-Oficejo! Anoncu vin mem kaj atentigu viajn gelernantojn aŭ gekolegojn pri tio, ke ili per nia perado trovu interrilatojn kun geinstruistoj kaj infanoj de la tuta mondo. Sed tio nur, se vi ĉiuj subtenas miajn klopodojn. Ĉar mi povas nur kolekti kaj peradi la adresojn, sed ne ankaŭ liveri ilin. Tion vi devas fari. Se mankas al mi la anoncoj, mi ne povas havigi al vi korespondo-listojn.

Krome mi havas ankoraŭ du aliajn petojn:

Estas nepre necese, ke ni por gravaj informoj al registaroj ktp. posedu fidindan materialon pri Esperanto-instruado en ĉiulandaj lernejoj. Pro tio mi kore petas vin, ke ĉiu, kiu kapablas raporti pri tio, kiel eble plej baldaŭ (ne prokrastu vian respondon pro la venontaj grandaj ferioj!) sendu al mi detalajn informojn pri:

1) Esperanto-instruado,
2) Esperanto-kursoj,
a) kiel deviga fako,
b) kiel nedeviga fako, sed enhavata en la instruplano,
c) kiel tute privata afero.

Vi per tio faros grandan servon al la movado, por kies venko ni ĉiuj batalas. Mi estas certa, ke vi volonte oferos por la bona afero ankaŭ la necesan poŝtmarkon.

Krome mi estus tre danka al vi, se vi samtempe sciigus al mi la kompletajn adresojn de 2 aŭ 3 knaboj kaj knabinoj el via lando, 12—14-aĝaj, inteligentaj, sinceraj kaj precipe fidindaj, kiuj scipovas Esperanton. Mi projektas kun ili gravan eksperimenton rilate al internacia korespondoperado.

Mi ankoraŭfoje petas vin korege, ke vi subtenu mian laboron per baldaŭa multnombra respondo.

Kun kora antaŭdanko salutas vin

Marta Moelke
sekretariino de Kunlaborado de IALA
Berlin-Steglitz (Germanujo)
Hünensteig 8a

**Diversaĵoj.**

Jarkunveno de T. A. G. E. Ni bedaŭras, ke ni ankoraŭ ne povis fiksi la ĝustan daton kaj horon de nia kunveno. L. K. K. informas nin, ke ili ĝis nun ne povas decidi, ĉar ili ne scias kiujn datojn U. E. A. elektos.

La sekvonta numero estos jubilea numero, ĉar tiam T. A. G. E. festos la dekjaran datrevenon. Sendu artikolojn. Pruvu, ke Esperantujo ne estas »senefia lando«.

La laborkomitato.

Al D-ro Klein, Lwów — Polujo. Kiam ni presigis la informon pri Esp. Unuiĝo de Saksaj instruistoj ni opiniis ke ili estas T. A. G. E.-anoj, do havas rajton presigi raporton en nia revuo. Sed nun ne plu. Nia administranto komunikos en la sekvonta numero, kiel kelkaj Germanoj kondutis. La redaktoro.

## Abonprezo de I. P. R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de TAGE.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guld.

Por 2.50 ned. guldenoj estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 33 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 75 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svedujo** | 6 | kron. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## AGENTOJ de TAGE

Vian kotizon akceptas. En landoj:

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE, Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstra:** (vakanta)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon. Harrow St., Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeeksche-steenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Sarafov. GOLEMO SELO. (regiono Kazanlik).

**Ĉeĥoslovaka:** A. Valoušek. BRNO-KRALOVO—POLE Tyršova 19. Poŝtkonto: Brno 102169.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Peter Frey. Claŭsensvej 26. HADERSLEV.

**Estona:** R. Gutmann. Kaupmehet, 6—1. TALLINN.

**Finnlanda:** Elmi Tamminen. Sitavuorenranta 4. A. HELSINKI.

**Franca:** F. Verot. Rue des Villas. St.-ETIENNE. (Loire). Poŝtĉekkonto: 37421 Lyon.

**Germana:** K. Hofmann, RIESA, Felgenhauerstr. 63. Poŝtĉekkonto : 26379 Dresden.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd. Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya

**Jugoslava:** Stanko Prvanoviĉ. HALOVO. p. Zajeĉar.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. Iŝlaŭzas. paŝt. ag. PRIENU. VALS.

**Nederlanda :** M. van Mullem. 0.58. OPHEMERT. kasisto: E. A. Koot, UTRECHT W. v. Noortstr 10. Poŝtkonto nro 176356.

**Nederlanda Hindujo:** P. Mamecach, Makassar (Celebes) Lariangbangi str. 107.

**Norvega:** Nils Okland. Rommesveit. Stord.

**Pola:** B. Gluchowski. św. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Sveda:** Torsten Torbjär. Mariagatan 15. a. GÖTEBORG. Poŝtkonto 43148.

**Svisa:** S-ino N. Oumansky. 12 rue Jean-Jacquet. GENÉVE.

**U. S. A. :** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. Californie.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.